KAJEROJ EL LA SUDO

Bulteno de Hispana Asocio de
Laboristoj Esperantistaj (HALE)

Prezidanto:
Manuel López Hernández

Sekretario:
Fco. A. Antúnez Romero

Kasisto:
Tomás Caspe Cereijó

Sidejo:
Str. Sol, 75
E-41003 Sevilla (Hispanio)

---

Redaktoroj de la Bulteno:

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 26, 1º.
50002 - Zaragoza (Hispanio)

Miguel Fernández Martín
Santa Genoveva, 58
28017 - Madrid (Hispanio)

---

Kovrilo: C.J. Cela - Literatura Nobelpremio-89.

---

E N H A V O :



---

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# SURVOJE

*Iomete pli stabilaj, jam survoje, la redaktoroj de "Kajeroj el la Sudo" volas speciale danki vin, legantojn niajn,por la multaj esprimoj de estimo, kuraĝigo kaj bonvolo, kiujn preskaŭ konstante ni ricevis de vi ekde la unua momento de la ekredaktado de tiu ĉi bulteno.*

*Sen ia ajn havaĵo, kun la sola konvinko pri via komprenemo kaj nia volo, ni komencis la taskon, por kiu ni posedis nur certan dozon da entuziasmo, aŭdaco kaj amo.*



*Ke malgraŭ viaj bonvolaj kritikoj kaj gratuloj ni ne estas kontentaj pri la rezultoj de nia propra laboro pri tio vi povas esti certaj. Tamen, ni diru, ke ni faris nian eblon kaj aspiras atingi pli kontentigan nivelon estonte: ni celas pli riĉan kaj varian enhavon; ni volas kiel eble plej inde vesti nian infanon; ni deziras, ke ĉiu progresema esperantisto sentu la bezonon legi revuon, kie oni povas trovi liberan tribunon por esprimi liberajn ideojn kun unu sola limo, tiu, kiu indikas la respektemon al la ceteraj, la toleremon pri ĉies opinioj kaj la agnoskon, ke ĉi gazeto estis fondita por defendi laboristajn interesojn kaj demokratajn kaŭzojn. Se en belaj formuloj, des pli bone!*

*Al tiuj,'kiuj afable demandis nin pri la kialo de la nomo "Kajeroj el la Sudo",ni, tute simple respondas: niaj kajeroj, verkitaj en la sudo de la Eŭropa kontinento, estas la organo de la plej juna LEA-o el ĉiuj ekzistantaj ĝis nun, kiu situas la plej suda el ili.Ne ekzistas alia intenco aŭ ekspliko pri tiu titolo. Al tiuj, kiuj, prave, kritikis la abomenan presliteron de la bulteno, ni povas respondi nur, ke per skribmaŝino inda je ekspozicio en muzeo ni ne povis fari alion. Tamen, ni diru, ke de nun la afero estos tute alia. Kompreneble, ke por tio ni bezonos vian malavaran kontribuon. Antaŭdankon!*

# K-DO. AJNULO

Trateratra! Komenciĝis la festo. Tualetejoj, farboj kaj maskoj jam plenpretas. Kvazaŭ mevoj, superflugas niajn kapojn miloj da neplenumotaj promesoj, centoj da nepravigeblaj pravigoj, nuboj da incenso al la laborista -eksmodiĝis la termino "proleta"- klaso... Neĉiamuloj ĉe minejoj kaj uzinoj, ĉe hospitaloj kaj lernejoj, ĉe publikaj servoj, en glimaj ŝuoj kaj rido inda je reklamo dentopasta, premas al ni la manon tialoke por aperi en la foto en familiara kontakto kun la popolo, kies ekziston ili memoras nur en tielaj okazoj.

Jen ni havas ne maskobalon, tute ne, sed unu plian ĝeneralan balotadon, ĉi-kaze plifruigitan de la PSOE-a (socialista) registaro.

K-do Ajnulo sidas en konfuzo. Ne, ja ne temas pri tio, ke li ne komprenas la kialojn de la plifruigo. Li scias perfekte, ke la regantoj ĉi-epokaj disponas je informrimedoj sufiĉe fidindaj por kunvoki nin al la urnoj ĝuste en la cirkonstancoj plej favoraj al ili, kaj nun, kiam la inflacio alten forsagis, kiam la deficito pri la eksporta-importa komerco atingis neniam viditajn, historiofarajn nivelojn, nia registaro rigardas la eblon pli malpli kaŝe apliki stabiligan planon, nome kontraŭlaboristan politikon, ricevinte, preskaŭ certe, la apogon de la absoluta majoritato de la balotrajtaj civitanoj. Sed, ĉu eble ĉi-lasta ŝajna paradokso kaŭzas la konfuzon de k-do Ajnulo? Ne, ankaŭ ne tio, nek la fakto, ke post la sukcesplena ĝenerala striko, okazinta la 14an de Decembro pasintjare, kiu evidentigis la divorcon inter la registaro kaj la cetero de la socio, en Hispanio la socialistoj venkis ĉe la elektado de la Eŭropa Parlamento. Laŭ k-do Ajnulo ambaŭ aferoj pure-nure ne malakordas. Tiaj estas la klaroskuroj de la demokratio. Proksimume 20% de la elektantaro preferis PSOE-on al iu ajn el la partioj konkurintaj ĉe la balotujoj. Nu, ĉar la procentoj atingitaj de la ceteraj politikaj grupoj malpli altis, PSOE klare venkis.

Jes ja, tiele funkcias la demokrata sistemo. Sukcesoj kaj fiaskoj rikoltiĝas ne nur pro la propra konduto, sed ankaŭ pro la sinteno aŭ pro la realigoj de la rivaloj.

La aliĝo de relative magra procento de la popolo ofte sufiĉas por havigi la triumfon kaj la sekvan potencon.

K-do Ajnulo agnoskas la balotan triumfon de la socialistoj, sed tio absolute ne senvalidigas la socialajn depostulojn el la 14a de Decembro. La ekzisto de granda sindeteno, la perdo de kvar milionoj da voĉoj de post 1982, la distribuo geografia kaj sektora de la apogoj atingitaj prezentas donitaĵojn sufiĉe elokventajn pri la evidento, ke io ŝanĝiĝis en la hispana socio kaj en ties opinio pri nia politika sistemo kaj pri PSOE.

La konfuzo de k-do Ajnulo fontas el pli metafizikaj anguloj. Li ne retrovas sin -politike, memkomprenebl e-. Forsvenis, ve!, la tempo de la korbatado ĉe tantaligaj vortoj, ĉe espervekaj faroj anoncintaj tutcertan baldaŭan printempon, plenan de ĉerizoj kaj manao, abundan je najtingaloj kaj kolomboj, saturitan de kveroj... Vortoj kaj faroj. Sed, kie nun la homoj? Kie mi?, demandas sin k-do Ajnulo.

Surstrate aŭto elvomas megafonajn sloganojn:..".por la defendo de la familio kaj la protekto de la medio balotu por..." Kaj la mondo renversiĝas antaŭ k-do Ajnulo. Tradicie defendon de la familio proklamis la konservativuloj, dum protekton de la medio depostulis la ekologiistoj, la verduloj, la progresemaj grupoj, entute.

Televizie la socialistoj prikantas la benojn de la libera merkato, tamtamas siajn sukcesojn en la ekonomia kaj socia terenoj. Ciferoj, procentoj, statistikoj. Ili kreis, propradire, 1,6 milionojn da laborpostenoj, milojn da loĝdomoj, plibonigis la vivnivelon de la laboristaro, la servojn de la sociala asekuro... Kaj k-do Ajnulo ektenas sin por stulta, pensas, ke verŝajne li miskomprenis la ĵurnalajn datenojn: en Hispanio nun ekzistas pli ol 2.600.000 senlaboruloj, kio prezentas la indicon de senlaboreco (18,4%)

plej altan en Eŭropo. Aliflanke, k-do Ajnulo informiĝis per la diversaj amaskomunikiloj pri la malekvilibro rilata al la bilanco de la eksterlanda komerco, pri la malaltiĝo de nia aĉetpovo, kaj proprasperte scias pri la triamondeco de niaj hospitaloj: nesufiĉaj litoj, nepra atendado ĝis la kokinoj ricevos dentojn por akiri la rajton esti operaciita, manko de higieno...Se ne paroli pri tio, ke loĝado en granda urbo formanĝas pli ol duonan salajron. Nu, kio do pri nia splenda vivnivelo kaj la glata funkciado de nia sociala asekuro?, cerboelsuĉe demandas sin k-do Ajnulo.

Dekstruloj kaj centristoj, unuvorte, la burĝoj, pledas pamflete por la redukto de la daŭro soldatserva kaj por la starigo de pli ĝusta socio... Kia blago!!, pensas nia amiko. Ĉu ili, la ĉiamaj regantoj, la reprezentantoj de la kapitalo, ne disponis ŝancojn kaj rimedojn por plenumi tion siatempe? Tiaj advokatoj de la proleta klaso!

Nu, k-do Ajnulo turnas siajn okulojn al la maldekstrularo, al la naturaj eñantoj de la aspiroj laboristaj. Okaze de mitingo envultas lin la fajna ironio de la gvidantoj, ensorĉas lin iliaj trafaj analizoj pri nia nuna situacio, ravas lin iliaj pragmataj alternativoj kaj programo, kaj,kvankam la iamaj ĉerizoj kaj manao, najtingaloj kaj kolomboj kaj kveroj...restas jam ne nur nebalbaŭaj, sed eĉ tre foraj al nia spaco-tempo, k-do Ajnulo sentas sin renaskiĝanta, vibranta kun la sama ondolongo kiel antaŭ kelkaj jaroj, jam liberigita je sia interna vermo. Kie do mi?, sin demandas li ankoraŭfoje. Maldekstre, evidente, li aplombe respondas. Jen li retrovis sin -politike, memkompreneble- la pugnon alten levita, la koron jubilanta ĉe "La Internacio".

La 29an de Oktobro k-do Ajnulo, kune kun aliaj civitanoj (39,55% de la balotantoj, proksimume 28% de la elektantaro),pro mi ne scias kiaj strangaj rekonsideroj, donas sian apogon al PSOE, kiu triafoje sinsekve atingos la absolutan majoritaton en la parlamento, kvankam ĉi-okaze kun 175 (aŭ 176) el la 350 deputitoj ĝin konsistiganta. La maldekstrularo (IU) ricevis 17 (aŭ 18) deputitojn (10-11 pliajn ol ĉe la pasinta ĝenerala balotado).

Mardon, la 7an de Novembro. La ĵurnalo "El Pais" unuapaĝe sciigas nin, ke S-ro Solchaga, ministro pri Ekonomio, anoncas plialtigon de la nerektaj impostoj kaj petas

salajran moderigon... K-do Ajnulo ree sidas en konfuzo. Li hezitas, ĉu retreti en kartuziana ermitejo aŭ fordoni sin al la studado de la menstruo ĉe la krokodilinoj sur la kunfluejo de la riveroj. Dume, bizare ora-blua ĉielo tapetiĝas per delikataj serafaj vizaĝetoj, kiuj ĥore ripetadas:merdon!

La kurteno falas.

Miguel Fernández Martín

---

# *Bonvolu ridi... sed ne tro*



Tiu ĉi rubriko, ne pretendas esti speciale inĝenia aŭ inciti niajn legantojn al tondra rido. Ni kolektas kaj publikigas ĉi-tiujn spritaĵojn celante nur, per distro kaj bona humoro malstreĉigi la menson de niaj gek-doj post atentado al "seriozaj" artikoloj kaj stimuli ilin al legado de la ceteraj.

Malfacile.-

-Ho, kia malfeliĉo! Mia edzino postulas de mi monon matene, tage kaj nokte!-
-Kion do ŝi faras el tiom da mono ...?
-Mi ne scias. Mi donas al ŝi neniom-.

..... ..... ..... ..... ..... ....

Pri fiŝkaptistoj.-

Sinjoro proksimiĝas al izolita fiŝkaptanto, kaj demandas tre afable: -ĉu bona sukceso?-

-Ho, jes! Hieraŭ mi fiŝkaptis ĉi tie mem pli ol kvardek trutojn-
-Nu, ĉi-tie estas malpermesate fiŝkapti, kaj mi estas la inspektoro-
-Ne grave, ĉar kiel fiŝkaptisto mi ofte mensogas, eĉ famas, ke mi estas la plej bona mensogulo en la tuta urbo-.

..... ..... ..... .....

Pri kuracistoj.-

-Kiom da malsanuloj mortis?- demandas matene la ĉefkuracisto al flegistino.
-Dek- respondas ŝi.
Ĉu dek?- Mi ja preskribis medikamentojn nur por dekunu!-
-Jes, unu ne volis preni ĝin-

..... ..... ..... .....

Babilado inter amikinoj.-

-Oni devas agnoski, ke nia amikino Maria havis multe da kuraĝo, konfesante al sia edzo ĉiujn siajn antaŭajn aventurojn-.
-Multe da kuraĝo? Mi dirus, pli ĝuste, multe da memoro!-

..... ..... ..... .....

Pri impostoj.-

-Kredeble, via vizito kiel inspektoro pri impostoj estas dezirata en neniu hejmo-
-Ho,kia eraro! Plej ofte oni invitas min reveni en alia tago!-

..... ..... ..... .....

Amika konsilo.-

-Ne edziĝu en Januaro sed en Februaro- konsilas al fianĉo lia plej bona amiko.
-Ĉu vi estas tiel superstiĉa?-
-Ho, tute ne!,sed tiel vi gajnos unu monaton da vera feliĉo .

..... ..... ..... .....

Profesia sekreto.-

-Kaj nun la akuzito diru, kiel vi malfermis la monŝrankon?-
-Neeble, sinjoro juĝisto, inter la publiko sidas membroj de konkura bando-.

..... ..... ..... .....

Donaco.-

-Kion vi donacis al via fianĉino je ŝia naskiĝtago?-
-Lipfarbon-...sed la plej grandan parton mi jam mem ricevis-

# LA FEDERACIA ŜTATO

Ĉiuj perspektivoj aperantaj nun sur la horizonto politika de Hispanio, la direkto kien baskulas la politika evoluo de nia futuro, indikas klare, ke nia lando progresas, iom post iom, al federacia ŝtato kiel strukturo de la estonta politika organizo de la diversaj popoloj, el kiuj konsistas la antikva "Hispania".

Surbaze de tiu konjekto, mi opinias instrua kaj oportuna, esprimi kelkajn pensojn, kiuj helpos nin interpreti tiujn politikajn aktualajn signojn sin montrantajn nun ĉe ni en konstanta progreso kaj evidento. La instruo de tiu kvazaŭ pripensa ludo ne kuŝas en la ŝanco pri la trafo de tiu futuro politika, sed en la racia analizo de nia pasinto, la interpreto de faktoj kaj progresemaj aktualaj opinioj kaj, definitive, ni diru, en la graveco pri la konscio, kien moviĝas nia socio, ĉar neniam pensanta homo devas perdi ĉi tiun perspektivon.

Oni ne bezonas esti tro erudicia pri Historio por scii, ke Hispanio konsistas el aro da popoloj kun malsamaj karakterizoj, varia folkloro kaj moroj, kaj eĉ diferencaj lingvoj (kelkaj malaperintaj, aliaj ankoraŭ vivantaj). Tiuj popoloj kuniris laŭlonge de jarcentoj sur komunaj vojo kaj destino, devigataj de diversaj imperativoj: invadoj, - memdefendo, kredoj, ambicioj, ekspansiismo kaj mil aliaj motivoj ne ĉiam eksplikeblaj.



Malfeliĉe, tiu historia kuniro, ne estis konvene profitata de mallertaj nekapablaj politikuloj kiuj pli atentis la proprajn ambiciojn ol la aŭtentajn interesojn de la popolo, do ne surprize, ke anstataŭ uzi la forton de la unueco kiel intersolidaran ekvilibrigan politikon favoran al la kunvivantaj popoloj, tiuj "gravuloj" dediĉis

sin akumuli povon kaj riĉecon, tiel obsede kaj malracie, ke tre ofte ili eĉ volis ke la katalunoj ne estu katalunaj; la andaluzoj, andaluzaj; la vaskoj, vaskaj, ktp., ili ja intencis dum jarcentoj forviŝi unu el la plej riĉaj trezoroj de la personeco de niaj popoloj: la profilon, kiu difinas la karakteron de niaj diversaj kulturoj...Ili intencis fari mallerte, kion niaj francaj najbaroj atingis plensukcese: sufoki ĉiujn minoritatajn kulturojn kaj starigi "unuecan nedivideblan" landon,kiel efika rimedo por kontroli, manipuli kaj subpremi pli facile la popolon. Fakte, la tiranio, estas same perversa en Francio kiel en Hispanio aŭ ne gravas en kiu ajn lando, en tiu ĉi kazo oni devas bedaŭri, se la operacio estis tiel sukcesa, ke la civitanoj, la viktimoj, perdas definitive sian historian memoron... Malgraŭ niaj politikuloj la hispanoj ne perdis ĝin, sed estis necese, ke longa abomena diktaturo subpremu la hispanan popolon dum kvardek jaroj kaj akcentu tiun politikon centralizan kaj regreseman, por ke niaj miopaj politikuloj, forte influitaj de la veraj demokratoj, perceptu, ke tiu erara politiko gvidata ekde Madrido kontraŭ la esenco mem de niaj popoloj, iĝis ne plu valida: tiel naskiĝis la ŝtato de la aŭtonomioj.

Hodiaŭ, kiel hieraŭ, la geografio kaj la historio kunigas niajn iberiajn popolojn, kaj devigas nin, atentante nian ĉirkaŭon kaj realon, organizi nian kunvivadon en libero kaj demokratio, sen perdi la perspektivon de nia plureco kaj singulareco de ĉiu el niaj popoloj. Tio estas ja gravega!

Laŭ mia opinio, la ŝtato de la aŭtonomioj ĉe ni, estas politika strukturo mezvoje al federacia ŝtato, en nia kazo konsilinda kadro por eduki nin kunvivadi en demokratio, perfektigi niajn instituciojn adaptante ilin al la bezonoj kaj rajtoj de la civitanoj, kaj precipe, funkciigante ilin kun la alta celo korekti jarcentojn de ĉiaspecaj privilegioj kaj devigante nun redistribui ĉies riĉecon pli harmonie kaj solidare kiel kontribuo al pli racia politiko por starigi vivnivelon similan inter ĉiuj popoloj de la ŝtato.

Ke la farenda tasko estas grava kaj transcenda, pri tio neniu hispano dubas, apenaŭ etaj radikalaj grupoj kontraŭdiras kaj baras la komunan projekton sub la masko

de naciismoj jam kadukaj kaj klare ekstertempaj, sed tre "konvinkemaj" kiam ili uzas la mitraleton kaj la amonalon(1)

La uzo de la teroro kaj la murdo fare de tiuj grupetoj grave bremsas la progreson al pli efektivaj atingoj de niaj popoloj, celantaj la memregadon, ne nur ĉar la unuaj ne respektas la homajn rajtojn de la ceteraj, sed ĉar ili renaskigis novnaciismon, milfoje pli danĝeran kaj konflikteman ol la pasintaj abomenaj naciismoj, ĉar ĝia eksplodema konsisto penetras en la malgrandajn sociojn kaj venenas ilin per ia politiko krevanta de perforto kaj malamo. Cetere, mi jam indikis publike en aliaj artikoloj de simila karaktero al ĉi tiu, la bazajn erarojn de tiuj teroristoj, tute ne pardoneblaj en demokrata socio:

a) la uzo de perforto kiel persvada metodo por konkeri siajn celojn, laŭ la plej pura stilo faŝista.
b) la ne akcepto al verdikto de la urnoj kiel demokrata esprimo de la opinio de plimulto.
c) la anakronisma reklamacio pri teritorioj de najbaraj regionoj,laŭ la arkaika imperiisma stilo de la reakcio en pasintaj tempoj.
d) la ne respekto al la individuaj rajtoj de la novaj lingvaj minoritatoj naskiĝintaj nun ĉe la propraj teritorioj.
e) kaj ĝenerale, la malkapablo de tiuj homoj por la dialogo, la naciisma etoso fanatika kaj blinda, kiu starigis nevideblan reton inter la civitanoj, prezentante la nesimpatiantojn de la naciismaj ideoj, ne kiel malsamopiniantojn sed kiel perfidulojn kaj malamikojn de la popolo.

Kiel vi povas konstati, kara leganto, la vojo al federacia ŝtato en Hispanio kiel plia paŝo al memregado, estas plena de urtikoj kaj pingloj, kvankam nebremseble oni progresas en tiu direkto: en la balotoprogramo de ĉiu progresema politika partio ekaperas pli-malpli klare tiu aspiro kiel promeso de nia tuja estonto. La idearo de idealismaj teoriuloj anoncas ankaŭ tiun ŝtupon kiel proksiman kaj dezirindan.

Nur mi petas al la naciistoj (teroristoj), kiuj bremsas la naturan evoluon de nia socio per tiom da perforto, ke ili faru imago-klopodon por modernigi sin, ke ili renovigu siajn ideojn por prezenti al la socio version pli altiran pri vaskismo, galegismo aŭ ne gravas kia, gran-

da aŭ malgranda, naciismo, iom pli prezentindan ol tiu akirita per simpla mimetismo el la mezepoko, modernigita per pistoloj kaj bomboj...

Kompreneble, ke mi, persone, ankaŭ ne akceptos tiun naciismon nek iun ajn alian, sed almenaŭ ili aperos antaŭ la publika opinio ne tiel ĉifonvestitaj de ideoj, ĝuste kiam ni estas alvenantaj antaŭ la sojlo mem de la dumiljara epoko.

Antonio Marco Botella

..... ..... ..... .....

(1) Amonalo: eksplodilo konsistanta el amonia nitrato, aluminio en fajna polvo kaj tria elemento,ĝenerale trinitrotolueno.

---

# Adiaŭ

Ni ĵus sciiĝis. Aranĝante la lastajn artikolojn, ni ricevis la fatalan novaĵon: Dolores Ibárruri, la Pasionaria, mortis. Kaj, kvankam atendataj, tiuj vortoj sisme skuis nian animon, nin prenis fermane ĉe la gorĝo. Stuporiĝe. Forpasis Dolores Ibárruri...Forpasis tuta kosmo el revoj kaj esperoj, el revolucioj kaj bataloj por nia emancipiĝo.

Dolores, ĝis nun vivanta paĝo de la dudekjarcenta historio. Universala. Dolores: vulkana koro, nobla kapo kun griza hartubero. Kolombo en nigra vesto puntita per dianto. Ruĝa dianto. Dolores preferis "morti stare, ol vivi surgenue" kaj nun foriris al la ĉielo de la homoj batalantaj por la popola kaŭzo: la ĉielo de la historio.

...Sed for bombaston! For gurditajn funebrajn paroladojn! Restu nur ŝiaj bildo kaj ekzemplo...

Dolores Ibárruri, la Pasionaria, ripozu en paco!!

La Redakcio

# For la paronimismon

Antaŭ pluraj jardekoj Lanti, la fondinto de la sennacieca movado, lanĉis la batalkrion"For la neŭtralismon". Por enkonduki la temon de tiu ĉi artikolo, mia militkrio estas "For la paronimismon!".

Kio estas paronimismo? Ĉu nova politika teorio aŭ religia doktrino? Ĉu eble stato de toksiĝo laŭ la klarigo de unu el la signifoj de la sufikso "-ism-"en Plena Ilustrita Vortaro (PIV)?. Nu, oni alproksimiĝas. Paronimo estas difinita kiel "vorto preskaŭ samsona kiel alia,sed sence malsama (ekz. pesi-pezi)". Estas citinda la ekzemplofrazo sekvanta la difinon en PIV:"en Esperanto la paronimoj estas principe evitindaj, krom se iliaj sencoj estas tre malsamaj". La longa sed nekompleta, listo de paronimoj en la libro "Esperantonimoj" de Marinko Ĝivoje povas konvinki eĉ la plej dubeman skeptikulon, ke la paronimismo jam grave infektas Esperanton. Jen kelkaj simplaj ekzemploj:



| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| gaino | kazo | lamo | muso | roso |
| gajno | kazeo | lamao | muŝo | rozo |

La signifoj en ĉiu vortparo estas tre malsamaj, tamen eĉ en kunteksto oni povas kelkfoje miskomprenigi leganton, se oni ne uzas la ĝustan vorton. Ekzemple: "Muŝoj manĝis la restaĵojn de la tagmanĝo sur la tablo". Se oni senĉapeligas la "s" en la subjekto de la frazo kaj skribas aŭ diras "musoj", la frazo estas ankoraŭ senchava, sed la signifo ŝanĝiĝis.

Jen kelkaj ekzemploj de misuzo de paronimoj,kiujn mi ĉerpis el antaŭ nelonge publikigitaj tekstoj:

1.- Fronto/frunto

Tiaj kontrolitaj libroj ricevas sur la fruntpaĝo la indikon "KONTROLITA DE EVA".(Heroldo de Esperanto)

"Fruntpaĝo" estas erara, ĉar "frunto"estas anatomia termino,

signifanta la superokulan parton de la vizaĝo inter tempioj. La antaŭa parto de objekto kiel libro aŭ revuo estas"fronto".

2.- Pensio/pensiono

La prezoj inkluzivas plenan pension en Ĉinio...(Heroldo de Esperanto)
La kunteksto temas pri vojaĝkostoj por partoprenontoj en karavano, kiun oni organizis por la Universala Kongreso en Pekino. La uzo de la vorto "pensio" estas sensencaĵo, ĉar neniu vojaĝagentejo povas aranĝi emeritiĝon de siaj klientoj en kongreslando. "Pensio" estas monsumo, kiun laborinta persono ricevas regule anstataŭ salajro, kiam li atingas difinitan aĝon, devigantan lin ĉesi labori. La ĝusta vorto, kiu estas bezonata en la kunteksto, estas "pensiono", kiu estas aranĝo en domo aŭ hotelo por pagi inkluzivan prezon por loĝado kaj manĝado.
3.- Oferi/oferti

Por fremdaj studentoj okupataj de Koreaj studoj, KEF (Korea Esplora Fonduso) oferas unu monatan programon dum somero en kiu 9 specialaj lekcioj oferiĝas por subjektoj, kiuj inkluzivas Korean lingvon, historion. (La Espero el Koreujo).

La intermiksado de la du paronimoj "oferi/oferti" estas tre ofta en ĉiuj partoj de Esperantujo. La baza signifo de "oferi" estas fordoni ion valoran, por akiri ion, kion oni rigardas kiel pli valoran aŭ por servi aŭ utili al io aŭ iu. La sekvaj ekzemploj ilustras, kiel "oferi" estu uzata.
a) Mi esperas, ke ili oferos siajn personajn gustojn kaj opiniojn pro la bono de nia afero (Zamenhof).
b) Al la afero, kiun mi nun proponas al la publiko, mi oferis miajn plej bonajn jarojn (Zamenhof).
c) La lernado de kiu ajn nacia lingvo postulas grandajn oferojn de tempo kaj mono (Zamenhof).

En la citaĵo, KEF ne oferas, t.e. fordonas, programon, kaj lekcioj ne oferiĝas, alivorte fordoniĝas.
La koncerna institucio prezentas aŭ proponas la programon kaj lekciojn al fremdaj studentoj, interesiĝantaj pri koreaj studoj. Oni povas uzi ankaŭ la vorton "oferti", kies baza signifo rilatas al la komerco: "proponi (varon)al kliento ". Estas eble plivastigi tiun signifon, se oni

rigardas la menciitajn programon kaj lekciojn kiel specojn de intelektaj varoj, kiujn povas ricevi studemuloj rolantaj kiel klientoj de la institucio.

La celo de tiu ĉi artikolo estas montri, kiel paronimoj kaŭzas malfacilaĵojn ne nur por la lernado de Esperanto sed ankaŭ por ties klara kaj neambigua uzado. Estas substrekende, ke la cititajn erarojn ne faris komencantoj aŭ lernantoj sed spertaj kaj bone konataj esperantistoj. Krome, eĉ la korektistoj kaj redaktoroj de la periodaĵoj ne sukcesis senerarigi la tekstojn antaŭ publikigo. Verkantoj de lernolibroj, kompilantoj de vortaroj kaj instruantoj de Esperanto devas dediĉi apartan atenton al la ĝusta uzo de paronimoj. Se tio ne okazos, estas antaŭvideble, ke dum la dua jarcento de Esperanto, la samaj eraroj kiel tiuj pritraktitaj ĉi-supre makulos publikigaĵojn, kaj ne estos eble daŭre akuzi la povran presejan koboldon pri ĉiuj eraroj.

La plago de paronimoj en Esperanto neniam tute formalaperos, krom se oni forigos tiujn leksikajn elementojn de la lingvo. Tio estas apenaŭ ebla rilate tiujn paronimojn, kiuj estas Fundamentaj kaj oficialigitaj. Eble oni povas anstataŭigi kelkajn membrojn de paronimaj grupoj per novaj morfemoj, kiel faris Ido. Jen ekzemplo, kiu montras,kiel estis eliminita la konfuzo inter "oferi/oferti". En Ido "oferi"= sakrifikar, kaj "oferti"= ofrar. Mi proponas, do, ke en la estonteco oni provu eviti la enkondukon de novaj paronimoj. La devizo de esperantologoj kaj leksikografoj estu: "For la paronimismon!"

Bernard Golden

---

FELIĈAN NOVAN JARON 1990!!!

Estas tiu ĉi la lasta numero de K.S. dum 1989,kaj la Redakcio volas speciale danki vin por tiom da gratuloj kaj esprimoj de estimo,kiujn ni ricevis laŭlonge de la jaro pro la simpla plenumo de nia tasko.
En la nomo de la estraro de HALE kaj de tiu ĉi Redakcio, ni deziras al ĉiuj HALE-membroj, al niaj abonantoj kaj ĝenerale al ĉiuj niaj legantoj: FELIĈAN NOVAN JARON 1990!!!

# *LA MOVADO EN KAJ EKSTER IBERIO*

Barcelono.

La venontan Ĝeneralan Asembleon de HALE oni okazigos Julie 1990 en la kataluna urbeto Sant Cugat del Vallés, tre proksima al Barcelono, profitante similajn aranĝojn el la 50a Hispana Kongreso de Esperanto, de la 11a ĝis la 16a de Julio 1990.



Nia k-dino Trini Garcia-Cobacho, de la O.K.K.,atentigas nin, ke ĉiuj kongresaranĝoj disvolviĝos en la konstruaĵo "Borja", tre konata de la SAT-anaro, ĉar ĝuste tie okazis en 1986 la 59a SAT-Kongreso, kaj,ĉar la menciita kongresejo estas samtempe restadejo, ŝi indikas al ĉiuj interesatoj:

a) Kiuj deziras restadi en la kongresejo "Borja", bonvolu komuniki tion al la Kongresa Sekretariejo: Grupo de Esperanto "Jozefo Anglés", Apartado 336.-08190-SANT CUGAT DEL VALLES ĉar fakte en ĝi estas dormoĉambroj nur por 150 personoj.

b) La ĉambroj estas nur dulitaj (duŝo kaj necesejo estas sur la etaĝo).

c) Oni povas garantii rezervon de disponeblaj ĉambroj nur por la plej frue ricevitaj antaŭmendoj.

d) Loĝado kun plena pensiono en tiu kongresejo kostas entute po 3.500 pesetojn por persono kaj tago.

e) Antaŭmendoj por rezervo estos traktataj nur post ricevo de 30% de la kosto de la tuta restado.

Oportune ni informos al nia membraro pri la Tagordo kaj ceteraj kongresaranĝoj.

..... ..... ..... .....

Aŭstrio.- Decidite en Illertissen, la 63a SAT-Kongreso okazos en LINZ (Aŭstrio), de la 4a ĝis la 11a Aŭgusto en 1990. La Organizan Kongresan Komitaton prezidas k-do

Max Hollinger, Gruberstr. 65.-A-4020 LINZ (Aŭstrio) .
La Kongreso promesas esti pli ol interesa: la revekiĝo de libera laborista Esperanto-Movado en la Eŭropaj orientaj landoj indas je atenta studado kaj trafaj oportunaj decidoj fare de la SAT-kolektivo. Cetere la kongreslando estas ja belega kaj ĝiaj ĉarmaj pejzaĝoj adekvataj por malstreĉiĝo kaj ripozo de tiuj libertempaj tagoj. Informoj pri tiu Kongreso en la menciita adreso.

..... ..... ..... .....

SABADELL.-

Kiel ni jam sciigis niajn legantojn, impona monumento honore al nia Majstro, D-ro L.L.Zamenhof estis jam starigita en la kataluna urbo Sabadell. Ŝajnas definitiva la dato por ĝia inaŭguro, la 17an de Decembro, kaj oni atendas ricevi tre baldaŭ la Programon por scii, kiel ni, la partoprenontoj, festos tiun eventon.

..... ..... ..... .....

FRANCIO.-

Niaj kolegoj de SAT-Amikaro anoncas tre interesan kongreson okazontan la 14/15/16/ kaj 17 de Aprilo 1990 en la urbo BONDY (Departemento Seine-Saint Denis) situanta je dek kilometroj nordoriente de Parizo.

La konkretaj programeroj kaj la manĝoj okazos en la urbodomo, kaj ampleksa Esperanto-Ekspozicio estos malfermita al la publiko en sufiĉe granda salono de la menciita oficiala institucio, de la 2a ĝis la 22a de Aprilo 1990. Ni ne dubas pri la sukceso de niaj gekamaradoj!

..... ..... ----- .....

Kaŭno (Litovio)

Bonvenon al vi, SAT-Frakcio BET-26 (26a Baltia Esperantista Tendaro), kiu enviciĝas nun inter la laborista familio de popoloj vivantaj en demokratio kaj libero, post tiom da jaroj de subpremado kaj deviga silento. Bonvenon al vi, kaj tutkoran inviton al tiuj aliaj Grupoj de Orient-Eŭropaj popoloj, kiuj sin sentas inklinaj sekvi saman vojon kun samaj celoj.

Solidare, ni nin sentas kontentaj akompanataj de vi, kaj se iamaniere ni povas helpi vin, estu certaj ke ni tuj respondos pozitive al viaj demandoj kaj petoj. Momente, "Kajeroj el la Sudo", flugos ĝis via lando (tiel baldaŭ kiel ni scios vian adreson) por reprezenti nin antaŭ vi.

# C. J. Cela
# Literatura Nobelpremio-89

*Camilo José Cela naskiĝis en 1916 en Padrón (Galegio), populara novelisto, membro de la Akademio de la Hispana Lingvo, poeto, eseisto, prelegisto, aŭtoro de multenombraj verkoj, sendube pli ol 100, el kiuj elstaras, inter aliaj,"La Familio de Pascual Duarte", tradukita al ne malpli ol 25 lingvoj, laste la latina, kaj ankaŭ al Esperanto. Tiu ĉi verko, tradukita de Fernando de Diego, simbolas la kruelan kaj mizeran vivon de la postmilita hispana epoko, la duran realismon de tiu Hispanio de violento kaj perforto, kiun Cela pentras kun natura kaj kruda verismo en la kadro de dramaj situacioj de la vivo de kamparano penetrata de malamo kaj primitivaj rankoroj. (La verko estas aĉetebla ĉe nia Libro-Servo).*



*Camilo José Cela Trulock,filo de hispana patro kaj brita patrino, verkis post la citita romano aliajn tiel gravajn kiel la supre indikita: "Pabellón de reposo" (Ripoz-pavilono) impresoj pri la vivo en sanatorio;"Novaj aventuroj de Lazarillo de Tormes" pri moderna pikareska mondo;"Vojaĝo al la Alcarria" priskribo de impresoj tra mizeraj kampoj kaj vilaĝoj;"La Abelujo" realisma kaj acida rakonto pri frustitaj homoj loĝantaj en Madrido post la civila milito;"La Catira"(La blondulino) privenezuela romano spegulanta interesajn profilojn de la homoj de tiu sudamerika lando; ankaŭ"Sino Caldwell parolas kun sia filino","Sankta Camilo","La bela krimo de karabenisto","Tobogano da malsatantoj", "La civitano Iscariote Réclus","Mazurko por du mortintoj", "Galego kun sia bando" ktp. Kompletigas lian verkaron libro de poemoj"Tretante la ŝanceliĝantan taglumon",privojaĝaj novaj verkoj kaj memoraĵoj, kiuj klare montras,ke ni estas antaŭ vera giganto de la literatura kreado.*

*Cela ricevis multenombrajn honorojn kaj unuajn literaturajn premiojn, el kiuj la Nobelpremio-89 estas kulmino kaj lasta rekompenco, ĝis nun, al longa honesta strebado kaj al la meritoj kaj beletraj kapabloj de singulara verkisto kaj homo.*

*Sentimentale, ni, la esperantista familio, tre ĝojas, ke, ĝuste, filo de esperantisto estu Nobelpremio-89, efektive, en la jaro 1906, lia patro, S-ro Camilo Cela, estis elektita prezidanto de la Esperantista Grupo de Foz (Lugo).*

*Gratulon do al granda homo kaj verkisto!!*

*Markus*

---

## EKONOMIA KAJ ADMINISTRA ANGULO.-

Ni atentigas niajn abonantojn, ke kun la sendo de tiu ĉi numero finiĝas la abono 1989, kaj estas la ĝusta momento por pagi, ĉu la nunjaran (tiuj, kiuj ne pagis ĝin ankoraŭ) aŭ la venontjaran. Ni kvitancas jenajn pagojn:

| | |
|---|---|
| Victor Ortiz (Zaragozo) . . . . . . . | 800,-pesetoj |
| Enrique Piquero (Zaragozo) . . . . . . | 800,- " |
| D-ro J.Olavide (Zaragozo) . . . . . . | 800,- " |
| Amador Diaz Elizalde (Anglio) . . . | 1.000,- " |
| Paul Signoret (Francio) . . . . . . . | 917,- " |
| André Martin (Belgio) . . . . . . . | 800,- " |
| José Vidaller (Francio) . . . . . . . | 1.600,- " |
| Sumas entute | 6.717,- |

En la nomo de HALE ni tre dankas vin!

..... --- ..... --- ..... --- .....

Gekamaradoj: Abonu nian revuon K.S. por helpi nin solidare sendi ĝin al ĉiuj Eŭropaj landoj, precipe al tiuj nepagipovaj Grupoj kaj gekamaradoj el Afriko kaj Orient-Eŭropo. Malfeliĉe ni ne povos tion fari per niaj propraj rimedoj sen via helpo!

# ĈU STELISMO ?

Lastatempe oni vaste parolas pri la neceso serĉi alternativajn movadojn por rekoncepti nian socion. Sistemoj kreitaj en la pasinteco, kiuj kapablis kaj havis la ŝancon funkcii ĝis nun, kiaj marksismo aŭ kapitalismo en politiko, aŭ, ekzemple, kristanismo aŭ islamismo en religio, pruviĝas netaŭgaj, aŭ almenaŭ, ne solvantaj ĉiajn novajn problemojn de la moderna homo. Lastatempe oni vaste aŭdas ankaŭ, ke la verda movado povas bildigi tiujn unuajn paŝojn en la serĉo de alternativio kaj,ke ankaŭ Esperanto povus tie roli per "lingva ekologio",kiel asertis s-ano A.Alonso. De mia vidpunkto, estas tre interese por nia lingvo, ke oni rigardu ĝin alternativa,ĉar tio signifas, ke nia celo ne nur ne stagnis, sed povas kontribui al la idearo, per kiu oni desegnu novan socion. Ĝuste do pro tiu neceso, ke Esperanto partoprenu tiun vastan alternativan sistemon, estas necese renovigi kaj iel rafini nian eksteran aspekton, kaj per tio mi precipe celas nian kvinpintan stelon.

Enkonduke al la prezentado de la temo mi ŝatus esprimi mian konstaton, ke tiu ĉi afero fariĝis iom tabua por ia sektoro de nia movado, kiu devus kompreni, ke per kaŝado la problemoj ne malaperas. Abunda, klara kaj senantaŭjuĝe aperta diskutado (precipe en internaciaj forumoj) estas necesa. Ĉu nia stelo staras kiel moderna atentigilo aŭ, kontraŭe, ĝi rememorigas precize pri tiaj praaj movadoj, kiujn alternativio celas forviŝi?

Mi ne dubas, ke "ĉiuj ni portas la stelon en nia koro", sed ĉu fakte ĝi taŭgas kiel nia plej elstara simbolo?, ĉu oni studis precize, kian efikon ĝi kaŭzas sur la moderna homo?. Serioza debatado kaj esplorado (kiun, kial ne?, oni komisiu al fakuloj) estas necesa por konkludi, ĉu ĝin anstataŭigi aŭ ne. Sed la solvon oni akceptu objektive, sen sentimentaleco. Kompreneble nia stelo havas grandan valoron spiritan, kaj mi legis, ke eĉ "multaj homoj donis sian vivon pro kaj por ĝi...

Anstataŭigi, tamen, la stelon kiel nian ĉefan reprezentilon ne signifos malhonori ilin, ĉar ili certe estos dankemaj, se ni agas por la fakta progreso de nia lingvo.

En la serĉo de tiu alternativa ilo (ni ne tuŝas, kiel vi konstatas, la koloron) aperis antaŭ ne-longe en nia movada arbaro la fama jubilea marko. Mi devas konfesi, ke mi ne mal-ŝatas ĝin, sed tamen proponus ĝin enkonduki post, kiel mi diris, serioza esploro pri ĝia efiko kaj demokrata akcepto en internacia forumo. Sed tio, kion mi ne kapablas kompreni ankoraŭ, estas tiaj pasiaj kritikoj, kiujn ĝi, povra, suferis. Bedaŭrinde mi legis kaj aŭdis nur subjektivajn taksojn pri la afero.

Unue mi ne komprenas, kial ĝi estu "plia provo-pruvo de detruismo aŭ skismo kompare kun Ido". Due mi ne komprenas, kial ĝi estu "eŭropisma simbolo, kiu flan-kenlasas la ceteran mondon",ĉar ĝuste la formo de nia terglobo venis per ĝi en nian menson.

En la fronta flanko oni trovas homojn, kiuj sampa-sie defendas ĝin enkonduki, ĉar "ĝi estas la nova simbolo de Esperanto. For la steloj!" Iom hasta kaj diktatora decido, ĉu ne?



Mi ŝatus konkludi jene: ŝajnas, ke la momento diskuti pri nia ĉefa atentigilo, kiu ne estu preskaŭreligia netuŝebla objekto, envenis en nian movadon. Se la fina decido malfavoras nian stelon, estu certaj, ke oni neniam forgesos pri ĝi, same kiel neniam oni forgesos pri Zamenhof. Sed oni ne grumblu antaŭ la fakto, ke ĝian strategian lokon eble okupos en la estonto alio pli konsenta kaj kohera kun la modernaj tempoj.

Alberto Franco

(N.A..- Kio troviĝas intercitile reproduktas nelaŭlitere esprimojn kaj opiniojn, kiujn mi aŭdis kaj legis.Mi rigardis konvene signi la fonton nur en unu okazo.)

..... ..... ..... .....

ABONU NIAN REVUON "KAJEROJ EL LA SUDO"!!!

JOAN BOSCAN DE ALMOGAVER (1487-1542)

Verkisto, poeto, edukisto, li naskiĝis en Barcelono, sed kutime verkis en la kastilia lingvo. Li majstre sciis kombini la petrarkismon (kun ties rafinitaj esprimoj kaj antitezoj) al la stilo firma de Ausias March (esprimanta profundajn precizajn bildojn). Ekzemplo pri tiu poezio povas esti jena soneto:

Dolĉa songo kaj dolĉa malkontento,
kiam songante mi imagis songi;
dolĉa ĝuo pri kio al mi trompis
se iom longiĝus la trompa sento...

Dolĉa, sen esti en mi,kun la penso
atingi, kion mi fakte ne povis;
dolĉa plezur',kvankam ne sen dolori
pri ebla vekiĝo el plaĉa senso.

Ho songo, se pli leĝera pli plaĉa
certe pli ideala kaj bonvena
se vi venus malpeza kaj ripoza!

dormante, mi sentis feliĉon ravan,
do, kun mensog' mi feliĉis ĝuplena
kaj kun ver' mi sentiĝis tre malĝoja.

La plej granda merito de Boscán, vere transcenda, estis la enkonduko en Hispanion de la italaj versformoj, kune kun lia amiko Garcilaso, ĉar tio signifis la moderniĝon de la hispana Poetiko.

A. Marco Botella

---

TAJLORO FINA PRI KRISTAL'KAJ PINO.- M.Hernández

Tajloro fina pri kristal' kaj pino;
laŭ roz'-mezur',al mia organismo,
pin-veston tajlu, kiu ja en prismo,
ĉu?,dronu, ne, en diamanta sino.
Plej fremda korto por ular' en fino
kun plejaj pez' kaj emo al abismo;
tunelon fosu plian sub la floroj,
ke restu sub la ter' miaj amoroj.

Trad. M.Fernández

## DIVERSAJ.-

### .- Ankoraŭ pri Abonoj kaj kotizoj.-

La kotizoj por HALE kaj abonoj por "Kajeroj el la Sudo" restas la samaj kiel dum 1989.

La kotizoj por SAT dum 1990 pagendaj al nia ŝatata amiko Ramón Manau Torres, c/Montseny, 5.-piso. 08208-SABADELL (Barcelona) estas jenaj:

| | | |
|---|---|---|
| Plenkotiza SAT-aniĝo kun "Sennaciulo" | prezas: | 2.000,-Ptoj |
| Sama kotizo nur por emeritoj . . . . . | " | 1.500,- " |
| Sama kotizo, junuloj,ĝis 25-jara aĝo . . . | " | 1.000.- " |
| Nura abono al "Sennaciulo" . . . . . . . . | " | 1.750.- " |
| Nura abono al "Sennacieca Revuo" . . . . . . | " | 450,- " |

Sendu pagojn al la indikita SAT-Peranto en Sabadell.

---

La Centro "Borja" de Sant Cugat del Vallés, nia venonta Kongresejo.-



